# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



**PLENUMITA 31/05/2018 Tricentsepdeksesa eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur kun la dekaj eldonoj


Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

**Ĉiuj tagaj ligoj al informaĵaj paĝoj uzindaj, helppretaj al Esperantistoj**

*reta-vortaro *Freelang Vortaro *Plena Ilustrita Vortaro * Esperanta Retradio *Google Translate * Pasintaj eldonoj *

Ctrl+klaku ligojn por kapabligi la malfermon. Kutime, sed ne ĉiam, la ligoj havas verdetan koloron

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

**Ĝis nun 1,720,000 lernantoj ekstudis Esperanton per Duolingo**



Ekstudis pli ol 1,340,000 lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)

Ekstudis pli ol 377,000 lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)

Ekstudis pli ol 2,480 lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)

https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Gramatika serio "La Verbo en P.A.G.".

## N.ro 30 ( La Plena Analiza Gramatiko de Waringhien kaj Kalocsay) .



Ni rimarkis, ke estas sufiĉe granda diferenco inter "Mi sidigis min aŭ Mi eksidis", kion oni faras intence, kaj "Mi sidiĝis", la medialo, kion kaŭzas io alia, ekz. alia persono aŭ mia perdo de ekvilibro, aŭ la vento, aŭ la puŝo de hundo, aŭ io ajn escepte de mi. La medialriĉa angla lingvo diras "*I got (became) seated*", kaj en la nederlanda "*Ik kwam te zitten*" (Mi venis sidi), sed la franca ekzemple ne facile povas esprimi en ĉi tiu kazo la medialon: la plej proksima estas "*Je fus assis*". Ke eŭropaj Esperantistoj ne konscie uzas la medialan voĉon kaŭzatas de la fakto, ke en eŭropaj lernejoj oni ne instruas kiel tian la medialon de siaj lingvoj, kaj ili do ne konscias pri sia medialo, hazarde tre riĉa en la angla. La tialo estas parte, ke en la etnaj lingvoj la medialo grandparte uzatas analiza. Pruvo ankaŭ estas PAG, kiu en aliaj gramatikaj problemoj donas ĝustajn kaj logikajn klarigojn.




*Marcel Leereveld*



# La Manlia Esperanto-Klubo







Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm.
Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagita kafo atendos vin. La 2a de Junio estis la tria sabato.

Venu!



# Bob Felby skribis Respondo al Marcelo



Marcelo komentis eĉ treege saĝe, ke li nur malfacile komprenas, kiel eviti tiujn de la politikistoj tiom amataj militoj. Mia respondo estas: "Ŝanĝu la registarojn!" Tiuj, kiuj tiom forte deziras regi nin ĉiujn, devus unue ekzamenati ĉu ili vere indas kaj kapablas regi nin. Antaŭ ol doni al ili tiujn tro bone pagatajn devojn ni devus ja certiĝi ke ili vere preferas eternan kaj tutmondan pacon! Ĝis nun mi certe ne estas tute certa pri tio, kaj tial tute ne fidas ilin! La nunaj registaranoj ne faras siajn devojn. Ilia unua devo estas ja malebligi ne nur militojn, sed ankaŭ ĉiujn krimojn! Sed, kiel Marcelo bone kaj ne miskompreneble diras: "Ni ne forgesu la kruelaĵojn de la aŭstraliaj registaroj enkarcerigantaj homojn en Naŭru. Ni ankaŭ ne forgesu la kruelan traktadon ante la aŭstraliajn ŝafojn sendatajn al la Mezoriento!"

Do necesas ke ni tuj ĉesu blinde kaj naïve kredi la militamantajn registaranojn. Ili tute ne interesiĝas pri nia bonfarto kaj sekureco, nek tiujn de la bestoj. Tial ili permesas la daŭran instruadon al la lernantoj en la lernejoj, la grandegan kaj hontindan mensogon, ke ĝuste ili, la gelernantoj, estas la plej bonŝancaj el ĉiuj en la tuta mondo. Ili estas bonŝancaj, ĉar ili naskiĝis en ĝuste tiu ĉi lando, ke ilia nacia lingvo estas ĝuste ĉi tiu, la plej bela, logika kaj plej facile lernebla en la mondo. Tiel oni instruas en ĉiuj lernejoj en la tuta mondo. Oni fakte instruas al la infanoj, ke ili estas multe pli bonaj, belaj, inteligentaj ktp., ktp., ktp., ol ĉiuj aliaj mondanoj. Oni metas mensogon post mensogo en iliajn cerbojn, ke ĉiuj, kiuj ne naskiĝis en ĝuste tiu ĉi lando indas kaj meritas suferi kruelan morton en milito.

Unu el la devoj de registarano estas instrui amon kaj helpemon al ĉiu. Se oni ne povas tion fari oni certe ne devus esti registarano. Ekde la ekapero de la mondo ni ĉiuj suferis tiajn ne taŭgajn regemulojn. Nun estas tempo ŝanĝi tion!

Trump certe ne estas reenkarniĝo de Hitler. Hitler ankoraŭ ne estas homo. Li estas ankoraŭ nur insekto lernanta kiel pliboniĝi kaj meriti la formon de homo. Ni ne vidos lin milojn da jaroj. Kaj, mi antaŭsentas, ke bedaŭrinde ankaŭ Trump tendencas iri tiun malĝustan vojon!

Necesas tutmonda kaj konstanta mondpaco. Se oni vere deziras regi la mondon, ĝiajn plantojn, bestojn kaj homojn, necesas labori konscie por la paco. Nun estas la tempo por la longe bezonataj ŝanĝoj!

*Bob Felby*



# MARCEL & MILITOJ



Gekaraj

En la fina frazo de sia ĵus aperinta artikolo titolita 'MILITOJ' Marcel saĝe demandas jene: 'Ĉu nur Bob havas praktikajn proponojn por senigi nin de militoj kaj de kruelaĵoj?'

El la plej grava dokumento preparita por la homaro de la Universala Domo de Justeco (fondita 1963) kiu lokiĝas sur deklivoj de la sama Monto Karmelo kie Elijah mortigis 450 malsincerajn pastrojn de Baal (1 Kings 18: 25-29) jen estas solvo kiun malmultaj bahaanoj rekonas kiel la solan paragrafon en kiu tiu religia institucio uzas la imperativan kaj superlativan parolmanierojn: 'Fundamenta manko de interkomunikado inter popoloj serioze subfosas la strebon al monda paco. Adopto de internacia helplingvo konsiderinde kontribuos al la solvo de tiu ĉi problemo kaj postulas urĝegan priatenton.' *Promeso de la Monda Paco,* Vidu paĝon 119 de *Realigas la Mondan Pacon* sube.

Eble mi ne rajtas supozi ke tiu menciita priatento estas urĝega afero ankaŭ por la naŭ unuopulaj estraranoj de la Universala Domo de Justeco mem en Hajfo. Pro tio ke adopto kaj adoptado de kio ajn estas temporaba prilaboro kutime longa ĉu mi rajtas opinii ke tiuj samaj estroj en siaj roloj kiel individuaj adeptoj de Bahaismo, disde sia kolektiva rolo en religia institucio, devus urĝege priatenti konsultadon pri la principo de universala help-lingvo por diri nenion pri la oftaj kaj emfazaj instrukcioj vortigitaj de Abdul Baha en oficialaj verkoj kun simila imperativeco ke ĉiuj bahaanoj studu kaj disvastigu Esperanton ĉu de la mondo elektota aŭ ne kiel universala helpilo?

Danke al la Universitato de Georgio (Usono) la *Promeso de la Monda Paco* aperas senpage en la reto: http://bahai.uga.edu/Realigas_la_Mondan_Pacon.pdf p. 112 - 124

http://bahai.uga.edu/Realigas_la_Mondan_Pacon.pdf recenzoj kaj opinioj danke al UEA: http://katalogo.uea.org/katalogo.php?inf=6655#ek

Amike

PAULO (NE LA APOSTOLO) *Paul Desailly*



# Fine malsekaj ĝardenoj en Melburno.



## KORUPTAĴOJ EĈ EN DEMOKRATIOJ.

**UNUA KAZO**. Por konstrui la grandan *Westgate Bridge* en Melburno, oni elektis tre konatan aŭstralian konstrufirmaon, kvankam ankaŭ pluraj eksterlandaj firmaoj tre kapablaj sioferis. Oni tamen dungis ankaŭ nederlandan firmaon, ne por konstrui sed por konsili. Post kelkaj jaroj okazis kverelo inter la aŭstralia kompanio konstruanta la ponton kaj la nederlanda kompanio, kiu asertis ke la maniero fari la betonon estis malĝusta ĉar ne sufiĉe forta kaj tial danĝera. La aŭstralia kompanio ne akceptis tion ĉar la nederlanda maniero estis pli multekosta, kaj oni bezonis multe da betono, kaj ĝi rifuzis obei la konsilon de la nederlanda



kompanio, kiu krome kritikis la laboron pri la fero. Do ĝi rezignis sian konsiladon kaj ne plu laboris por la pontokompanio. Kiam la du partoj de la ponto, la elokcidenta kaj la elorienta, preskaŭ renkontiĝis, okazis grava akcidento ĉar parto de la ponto forrompiĝis kaj tial pluraj laboristoj mortis. En la aŭstraliaj ĵurnaloj oni ne menciis ke tiun akcidenton kaŭzis la de la nederlanda firmao kritikita labormetodo. Tion oni povis legi nur en eksterlandaj ĵurnaloj. Kaj sendube por eviti kortumkazojn, la familioj de la mortintoj ricevis tuj grandan rekompencon. Oni neniam eltrovis, publike, la kaŭzon de la akcidento.

**DUA KAZO.** En la tridekaj jaroj de la antaŭa jarcento organizatis sporteca konkurflugo el Londono al Melburno. La plej fortaj konkurantoj estis la nun nomata *British Airways* kaj la nederlanda *K.L.M.(Koninklijke Luchtvaart Maatschappij*, Reĝa Aviadkompanio). Ĉiuj flugmaŝinoj devis pasi laŭ Sidnejo al Melburno. Kiam la K.L.M.-flugmaŝino pasaĝera aperis unua super Sidnejo, la organizantoj de la konkurso, *London-Melbourne Race*, signalis al ĝi la malĝustan direkton, tiel ke la brita flugmaŝino alvenis unua en Melburno kaj gajnis la konkurson. Ĉar tion oni ne faris al la nederlanda kargo-maŝino, ĝi gajnis la konkurson en tiu sekcio. La aŭstraliaj ĵurnaloj ne menciis ke la misdirekto estis intenca, kaj oni devis legi tion en la eksterlandaj ĵurnaloj.

**TRIA KAZO**. Mallonge antaŭ la eksplodo de la dua mondmilito la nederlanda registaro proponis enkonduki leĝon, kiu ne plaĉis al la grandega kompanio Philips, kiu havis siajn fabrikojn por elektraĵoj en la sudo de Nederlando. Tiutempe la nederlanda registaro preparis sin por milito kontraŭ la Hitler'a Germanujo, kiun oni atendis batali kontraŭ Nederlando por invadi kaj okupi ĝin (kion ĝi efektive faris),. Ĉar Philips ne ŝatis la novan ekonomian leĝon, ĝi diris al la nederlanda registaro ke ĝi transsendos siajn fabrikojn al Germanujo por labori tie, se oni persistos pri la leĝo. Do la registaro devis retiri la bonan leĝon por ne perdi la komercon uzantan multajn laboristojn. Ĝenerale la direktoroj de bankoj kaj firmaoj diris al la nederlanda popolo militi kontraŭ la Hitler'a Germanujo por defendi sian patrujon.

*Marcel Leereveld.*

**LA IMPERFEKTA TEMPO.** Mi dividas la verbfunkciojn jene:

## LA AGO EN FORMO DE VERBO.

Ekzistas tri specoj de verbo, nomitaj Modaloj: 1). Finitivo; 2). Infinitivo. 3). Participo.

## F i n i t i v o .

Ekzistas 3 ĉefaj Tempoj: 1) Prezenco, 2). Preterito, 3). Futuro.

## A s p e k t o j .

Ekzistas 7 Aspektoj de ĉiu tempo: 1). Komenca (ek-); 2). Imperfekta (-anta; -ata);
3). Fina (fin-); 4). Ripeta (re-; retro-); 5). Daŭra (-adi); 6). Perfekta (-inta/-ita);
7). Estonteca (-onta/-ota).

## LA IMPERFEKTO.

<u>En la angla.</u>

Ĝi estas en formo de participo ĉiam finiĝanta per la finaĵo -ing *(coming, eating).*
Ĝi plej ofte kombiniĝas kun la helpverbo "*to be*" por formi la Imperfektan Tempon.
En la angla ĝi estas verbo sed ne indikas tempon, nur nefinitecon aŭ agoparton.
Ekzemploj: *The children were CRYING; The clothes HANGING outside the window*;
*The fence is BEING repaired; While the play will be BEING rehearsed, I'll leave.*
*While the play was BEING rehearsed, I left; The clothes seem GETTING dry already*.
En la angla la Imperfekta Participo kun "*-ing*" uzatas ankaŭ en tute alia funkcio, nome por indiki la simplajn tempojn, precipe la Preteriton kaj la Futuron.
En tiu stranga kazo, kie la aliaj eŭropaj lingvoj uzas la Perfekton por la Preterito, tiu Imperfekta Participo nomiĝas Present Participle, Prezenca Participo kaj ĝi indikas la tutan agon. Ĝi uzatas kun la helpverbo "*to be*". (En Esperanto neniu el tiuj tempaj duobligoj okazas kaj "-anta" kaj "-ata" nur signifas la nefinitecon, Imperfekton).

En Esperanto. Pro Zamenhof en Esperanto ne ekzistas verba aspekto imperfekta, nur adjektiva aspekto de imperfekta ago. KAJ en la Aktivo KAJ en la Pasivo.
(P.A.G. nomas, malĝuste, la Esperantajn adjektivajn participojn verboj).
Konsekvence la sufiksoj por indiki la imperfektan agon de la radiko estas la adjektivaj "-anta" kaj "-ata", kiuj indikas en kiu stato situas la Subjekto de la frazo.
Tiuj adjektivoj ne indikas tempon (tion faras finiteca verbo), sed nur la (sentempan) nefinitecon de la ago de la radiko.
Ekzemploj: Ili estas (en stato de esti) MANĜANTAJ; Mi aŭdis ilin KANTANTAJ;
La BATATA hundo bojis; Restu SIDANTA!; Ni diskutu SIDANTE;
La hundo ne povos esti SAVATA; Retrodonu la KRIANTAN infanon al ĝia patrino.
Dum ili estis DORMANTAJ, subite la hundo ekbojis; Kiam mi estis ESPERANTA ŝian revenon, ŝi alvenis.
Por indiki la tutan agon, de komenco ĝis fino, oni devas uzi unu el la sekvaj finaĵoj: -as, -is, -os, -i, -us, -u, -atas, -atis, -atos, -ati-, -atus, aŭ –atu.

En la franca. Dum en la neanglaj ĝermanaj lingvoj oni ne havas specialajn imperfektajn verbojn aŭ verbgrupojn kaj do uzas adverbajn esprimojn por indiki la imperfekton, la franca havas unu, nur unu, tian imperfekton, nome en la pasinta tempo. Kaj malsame al la angla, tiu imperfekto konsistas el nur unu vorto, verbo. Kaj tio estas plensenca, ĉar la imperfekto uzatas apenaŭ en la futuro kaj tre malofte en la prezenco. Sed la francoj tendencas uzi sian (preteritan) imperfekton malpli kaj malpli. Por la prezenca kaj futura imperfektoj ili povas uzi nur esprimojn kiaj "*Je suis en train de réparer mon vélo*" (Mi estas riparanta mian biciklon) kaj
*"A neuf heures je ne pourrai pas partir car 'a ce temps ma voiture sera en train*

*d'e'tre re'pare'e"* (Je la naŭa mi ne povos foriri ĉar tiam mia aŭto estos riparata).

La neanglaj ĝermanaj lingvoj uzas esprimojn kiel la nederlanda "*Ik ben aan het eten*" (Mi estas je la manĝado) kaj "*Hij was bezig (met) zijn fiets te repareren*" (Li estis aktivanta ripari sian biciklon). *Marcel Leereveld.*



# El Kanbero




Ni portas niajn novajn esperantajn 'Headskinz'. La AEA baldaŭ posedos 50.



la Kanbera Klubo renkontis Katja-n kaj Trevor-n. *Cluck Lin*



# Semajna raporto de Melburno



**DIMANĈA KUNVENO**

Dimanĉon la 27an de Majo naŭ homoj (inkluzive de du komencantoj) kunvenis ĉe ACMI Cafe & Bar.

**LUNDA KUNVENO**

Lundon la 28an de Majo ses homoj venis por kunveni ĉe Ross House. Ni daŭrigis nian tradukadon de *Mil kaj Unu Noktoj*, kaj iom planis estontajn ekskursojn.

**VENONTAJ KUNVENOJ**

**Dimanĉa kunveno**, ĉe ACMI Cafe & Bar, Federation Square

Dimanĉon 3an de Junio je 15:00-17:00

**Lunda kunveno,** ĉe Ross House, 247 Flinders Lane

Lundon 4an de Junio je 18:30-20:30

**NUNAJ SEKVANTOJ** (Alklaku la nomon por iĝi plua!)

Meetup – 1145 Instagram – 161 Twitter – 389

Facebook – 381 Telegram – 19

*Joanne Johns*



# Titolo: La internacia vojo ESPERANTO

## Propono por revuo kaj retejo

Naciaj aŭ internaciaj vojoj, tra la mondo, ekzistas multaj famaj vojoj :

la Vojo Sankta Jakobo de Kompostelo estas konata por pilmigradi,

la Vojo 66 por trairi Usonon de oriento ĝis okcidento (3945 km) motorbicikle,

la Vojo Rikardo Leon´Koro (fama batalanto) por viziti kulturan kaj artistan heredaĵon,

la franca Nacia Vojo 7 pro sia beleco, la Vojo Via Domitia kiel unua vojo ligante la Alpojn kun la Pireneoj. Do, pro diversaj kialoj, kelkaj vojoj estas tre konataj.

Mia ideo estas krei la internacian vojon ; ESPERANTO danke al ZEOj.

Sed ĉu vi konas « ZEOn 1» ? « ZEOj » ekzistas delonge sed, laŭ mi, ili ne estas sufiĉe konataj, bedaŭrinde. Do, mi deziras inviti vin pripensi tion kune : kiel valorigi « ZEOjn » por krei la internacian vojon ESPERANTO ?

Eble ni povus publikigi libretojn kun ĉiuj « ZEOj » de la Mondo kaj fari pasporton, kiu estus subskribita de la turismaj oficejoj aŭ la urbodomoj ?

Tiel la vojaĝantoj havus belegajn memoraĵojn de siaj vojaĝoj kaj Esperanto estu pli konata en la institucioj.

Ĉu vi havas aliajn ideojn? Bonvolu skribi al la ĵurnalo aŭ al: Isabelle.Nicolas2@gmail.com

Informis nin *Bert Ŝuman*




bildo: part-aspekto de la BES Biblioteko

" Dum la lasta monata konveno, BES MEMBROJ planis aktivecon por Esperanto Tago en julio. Ni vizitos la *Mt Coot- Tha* Botanika Ĝardeno, sekvos tagmanĝo kun frateca interbabilo.

*Petro Danzer* BES Sekretario



# “Malgrava historieto pri mia vivo” Bob Felby

## Ĉapitro 13 Mi fariĝas ankaŭ ĉerkoportisto. Sepa ero



Ankaŭ li biciklis, li devis ja lerni la veran vivon. Pluvis, eĉ pluvegis, mi ridis, kaj li preskaŭ ploris. Kvankam eksmarsoldato, ne plaĉis al li malsekiĝi. Mi biciklis kiom eble plej malrapide en la pluvo. Ni atingis la tombejon. Mi donis al li la ŝlosilojn. Granda leda sako plena de pezaj, metalaj ŝlosiloj. “Elektu ŝlosilon por tiu ĉi pordego”,

mi diris. Kiel inteligentulo li elektis la plej grandegan. “Bone, eĉ bonege”, diris mi, eble vi povos lerni ĉi tiun okupon.

Li ne timis la mallumon, sed ne ŝatis la pluvon. Fakte ankaŭ al mi ĝi ne plaĉis, sed tion mi ne konfesis. En Sudhaveno ni estis tre okupataj, kaj li ĉiam demandis, ĉu ni neniam paŭzos por ripozi. Mi respondis, ke ni havas tiom da laboro, nur ĉar niaj estroj tro laborigas nin, kaj ke estas ankoraŭ tro frue por paŭzi. Tre ege malfrue mi decidis paŭzi en iu malgranda banko, kie estis bonaj mebloj, glaciŝranko ktp. Li varmigis kafon kaj komencis manĝi. Mi kuŝiĝis sur sofon kaj ekdormis. Duonan horon poste li vekis min dirante: “Ĉu ni ne devas daŭrigi, ni havas ja tiom da laboro por fari ?” “Jes”, diris mi, “sed unue ankaŭ mi devas manĝi, ĉiu laboranto rajtas manĝi, laŭ Karl Marx !” Li sidis duondormante dum mi, kiom eble plej malrapide manĝis kaj trinkis kafon.

Tiam ni daŭrigis la rondojn. Ni estis tre malsekaj, la pluvo ne ĉesis, kaj li estis malvarma kaj malseka. Kelkajn horojn ni ĉirkaŭbiciklis, kaj mi klopodis malŝpari kiom eble plej multe da tempo, por ke la frenezulo komprenu, ke ni ĉiuj vere tre multe laboregas. Li estis tute elĉerpita kiam mi fine, post la lasta rondo en la tombejo, diris al li, “jen ni finis, mi iros hejmen nun por dormi en mia varma lito, sed vi iru al la oficejo kun la ŝlosiloj kaj lumiloj, dankon pro via akompano dum la nokto !” Respondis li, “kaj mi devas danki vin, ĉar vi tiom bonege instruis min. Kaj mi devas ankaŭ diri al vi, ke mi estas via estro, kaj se vi iam havos problemon pri via laboro, vi povos demandi min, kvankam mi scias nenion pri tiu ĉi laboro”. “Bonan matenon” ni diris unu al la alia, kaj disiĝis !

*Daŭrigota* *BobFelby*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Karaj kontribuantoj. Sen vi, AE ne povas ekzisti

*Merkredvespere mi sendas la novaĵleteron al la provlegantino por kontroli la lingvon kaj elsendas al la legantoj dum Ĵaŭdo. Uzu ĝin por la reklamo de viaj semajnfinaj eventoj. Poste informu pri la sukcesoj de viaj kunvenoj en la sekvanta “Aŭstraliaj Esperantistoj“ por montri ke viaj kluboj ekzistas kaj aktivas.*



★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

***Se oni ne sendas informon al AE, tiu novaĵo ne povas aperi en AE***

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

Reklamu viajn klubkunvenojn ĉi tie. Sendu la informon al rspring@tpg.com.au

Ne raportitaj kunvenoj rapide velkos el historio kaj memoro





★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



**3ZZZ** .......... Tiuj, kiuj ŝatas la Blagan Blogon de Viktoro Sole, aperanta en la revuo Kontakto , ĝojos aŭskulti la elsendon de la 30a de majo 2018. Se vi preferas aŭdi informojn pri inteligentaj birdoj, ankaŭ tion vi aŭdos en ĝi.

Informas la kunvokanto, Franciska Toubale"





★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★